I Jaro. VII Num. 1917 Julio.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S-RO JOZEFO PEROGORDO

Artileria Majoro. Nia entuziasma kaj simpatia pioniro, tre konata de la tuta esperantistaro ĉeestinta Kongresojn

# LA KVAZAŬ-ESPERANTO

EN LA

## EPOKO DE CERVANTES

Se la bedaŭrinda kaj glora Zamenhof ne estus elpensinta esperanton, certe kaj nepre necese Esperanto fariĝus en la estonto pro la facileco de interkomunikadoj, ĉar iam la interkomunikadoj estos facilegaj ĝis punkto kiun nun ni ne povas eĉ imagi. Komprenble per tia maniero Esperanto fariĝus iom post iom kaj per grandaj klopodoj kaj penoj de Homaro, kaj ne estus perfekta.

Oni povas esti certa ke tio okazus ĉar ĝi jam okazis inter kelkaj nacioj en la epoko de nia glora verkisto, saĝulo kaj soldato Cervantes. En tiu epoko la interrilatoj inter la nacioj kiuj havas marbordon en la Mediteraneo, estis grandaj, ĉu komercaj ĉu militaj. La marmilitado estis senĉesa, kaj oni vendis la militkaptitojn en diversaj landoj. Tial, miksiĝis multaj idiomoj, kaj fariĝis lingvo malperfekta, malbela sed tute internacia.

Atestanto pri tio, estas la glorega Cervantes kiu batalis kaj estis militkaptito kaj multe suferis en Afriko.

Kiam en la famkonata libro «Don Quijote», la eksmilitkaptito kaj ekssklavo rakontas sian historion, li diras: «... per lingvo kiun en la tuta Berberio kaj eĉ en Konstantinoplo, militkaptitoj kaj maŭroj parolas; lingvo kiu ne estas maŭra nek kastila, nek de ia nacio, sed miksaĵo de ĉiuj lingvoj, per kiu ĉiuj ni komprenas nin reciproke...»

En alia novelo de Cervantes titolita «La amanto malavara», oni povas trovi, simile: «... iru kun Dio, ĉar mi timas ke Halima eble aŭskultis nin; ĝi komprenas iom la kristanan lingvon, aŭ almenaŭ tiun miksaĵon de lingvoj kiun oni uzas, per kiu ni ĉiuj reciproke komprenas nin...»

Jen pruvoj. Ĉar tio okazis en tia epoko pro la multaj interrilatoj inter kelkaj nacioj, same nepre okazus en la tuta Mondo pro interrilatoj multe pli grandaj. Tamen tio ne estos necesa ĉar Esperanto solvis la problemon.

*Rafael de San Millán*

---

# SCENOJ DE LA MILITO

(IV[a])

Tro suferigan ordonon ricevis tiuj artilerianoj! Je pli ol tridek centigradaj varmgradoj, en mallarĝa valeto, sen arboj sub kies foliplenaj branĉoj stari, sen venteto kiu ilin refreŝigu, sen akvoguto por satigeti netolereblan soifon, ili staras sur la varmigata tero.

Post rapida marŝo, trinkinte nenion, ili haltis. Neniu povas sin apartigi el la kanonoj; tiuj militistoj, kvankam fortaj kaj obeemaj, malfacile suferas la kruelan ordonon. Unue ili ŝercas, poste blasfemas, poste silentas, laste murmuras mallaŭte.

La serĝento alproksimiĝas al leŭtenanto kaj diras:

—Via Moŝto, mi timas ke ili mortos pro soifo.

—Homo ne mortas tuje pro soifo, sed se ili mortus, jen nia devo: morti kie oni ordonis al ni. Diru al ili ke mi ankaŭ soifas, ke por doni al ili akvon mi oferos kion ajn, sed neniam mian devon. La malamiko nescias, kaj konvenas ke ĝi nescios, ke ni havas artilerion; tial ni marŝis tiel rapide kaj sekrete; se ĝi vidus nur unu el niaj uniformoj, ni ne estus povontaj surprizi ĝin. Plie, ni ne konas ĉi tiun kampon, kaj eble se ni serĉus akvon ni trovus morton.

Tiu energia oficiro kutimis rezoni siajn ordonojn.

La serĝento ripetas liajn vortojn; la soldatoj rezignaciiĝas sed sufokiĝas. Ili rememoras la fonton el kies akvo ili trinkis dum sia infaneco, la riveron en kiu ili sin banis, la malsekan herbejon kun foliplenaj arboj en kiu ili paŝtis la brutarojn. Tiom da pura akvo estas en la mondo kaj ni mortas pro soifo!

—Niaj karaj patrinoj estis plorantaj prave kiam ili aŭdis: «Via filo estas soldato, nenio estas pli terura!» La civiluloj mortas pro malsano; ni, pro kuglovundoj, tranĉvundoj, malsato, varmo, soifo, kiel nun. Kaj certe estas akvo tre proksime de tie ĉi. Nenio pli terura ol esti soldato!

Tiel rezonas la soldatoj, kaj se la soldatoj rezonas, tio ĉi pruvas ke ili multe suferas.

Sur unu el la altaĵoj formantaj la valeton estas ĝardeno; oni vidas kreskaĵojn plenverdajn; iu pensas ke tie estas akvo nepre kaj petas permeson ĝis tie iri. La oficiro ne konsentas; la ĝardeno estas tro malproksima, kaj certe tie ne estos akvo. La soldatoj avide direktas siajn rigardojn tien.

Ili vidas knabinon enirantan en la ĝardeno, portantan kruĉon sur la kapo. Ili alvokas ŝin per krioj, per naztukoj, kaj petas ŝin ke ŝi ne surverŝu la kreskaĵojn ĉar ili mortas pro soifo.

La knabino ekforkuras, poste haltas, poste dubas, kaj fine alproksimiĝas kun la kruĉo. La oficiro envicigas la soldatojn por disdoni egalparte la akvon; li ne trinkas kaj la soldatoj rimarkantaj tion petegas al li, ke li trinku. Li diras:

—Knabino, ĉu vi bonvolas diri al ni vian nomon?

—Mario, via Moŝto.

—Mario, certe vi rimarkis, ke, kvankam la soldatoj malsekigis siajn buŝojn ankoraŭ ili soifas; mi mem ne trinkis; alportu alian kruĉon, karulino.

La knabino silentas kaj esprimas siajn dubojn per la vizaĝo, kaj tial diras la oficiro:

—Ĉu vi timas?

—Iomete. Hodiaŭ ne estas konvena tago por veni al la ĝardeno; mi venis nur por rikolti iom da rosmareno kaj ĝin utiligi por fari sanigilon.

—Ĉu iu estas malsana ĉe vi?

—Mia patrino, tro malsana, tial mi decidis veni kaj samtempe surverŝi kreskaĵaron ĉar morgaŭ eble mi ne povos tion fari.

—Dio venigis vin al la ĝardeno. Nun daŭrigu vian bonfaron, alportu alian kruĉon; mi ankoraŭ ne trinkis kaj se vi soifus kaj mi povus, mi irus serĉi akvon ĝis la mondlimo. Kiom da benoj vi ricevus de mia patrino se ŝi scius ke mi soifas kaj ke vi satigas min!

—Skribu al ŝi ke mi revenos kun la kruĉo plena je akvo.

Mario reprenas la kruĉon kaj transiras la altaĵon. Iuj timas ke ŝi ne revenos, aliaj fidas ĉar la morto apartiĝos de tiu ĉastulino, de tiu bonfarulino kies voĉo estas milda kaj kies vizaĝo estas kvazaŭ anĝela.

Baldaŭ revenas la knabino; poste ŝi alian kruĉon alportas, alian, ĝis kiam ĉiuj satas.

La oficiro elpoŝigas ormoneron kaj ĉiu soldato arĝentan aŭ kupran kaj ili donas la monerojn al Mario por ke ŝi aĉetu plej belan koltukon, inda je ŝia bonkoreco kaj beleco.

—Mi akceptas nenion — ŝi diras —, ĉi tie oni ne vendas akvon kiel okazas en la urboj, laŭ mi aŭdis rakonti. Plie, mi ne havos monon tian, mia patrino ĉagreniĝus se mi akceptus, ĉar estas devo homa satigi soifanton.

—Vi estas prava.

—Sed vi povos fari al mi grandan favoron.

—Petu, karulino.

—Petu, belulino.

—Petu, diino.

—Parolu, Mario.

La knabino, per tiu aplombo kaŭzita de l'spektaklo de longedaŭra milito, aplombo ofte rimarkebla ĉe loĝantoj suferantaj tiun spektaklon, daŭrigis:

—Ĉar paralizo suferigas mian patrinon, ni ne povis forkuri. Se vi enirus en la vilaĝo ni multe timus kaj se vi defendus nin...

—Pli ol la standardon!

—Kiu kuraĝos tuŝi eĉ vian veston suferos gravan punon!

—Ĉe vi, eĉ kokidon oni ne stelos!

—Ni gardos vin kvazaŭ vi estus la generalestro!

—Ni diros al la urbestro, ke li ne loĝigu soldatojn ĉe vi!

—Vi rimarkos ke ni ne forgesos nian savintinon!

La oficiro demandis ŝian adreson kaj ŝi respondis: — En la Placo, 2.ª num.

—Kiam ni eniros via hejmo estos sanktejo. Ĉu vi ne volas kunporti ĉi tiun blankan naztukon per kiu mi alvokis vin?

—Mia patrino demandos al mi el kiu mi ĝin ricevis.

—Diru al ŝi ke vi ĝin trovis.




TURO DE «SAN ESTEBAN», LA PLEJ BELA BIZANTINA EL HISPANUJO. (SEGOVIA)

—Mi ne trompas mian patrinon.

—Vi vin kondutas bonege. Do, aliru, adiaŭ, portu nur niaj benojn.

—Adiaŭ, militistoj!

—Adiaŭ, bonkoruliño!

Ĉiuj adiaŭas tutkore ŝin. Antaŭ ol malaperi post la altaĵo, ŝi haltas kaj rerigardas ilin, kaj la soldatoj kaj la oficiro adiaŭas ŝin per naztukoj kaj aplaŭdoj. i pensas:

—Ili ne estas tiel malbonkoraj kiel oni diras.

.......................................

Staba oficiro alvenas, la artilerianoj ekmarŝas antaŭen kaj pretigas la kanonojn

apud la ĝardeno de Mario. La oficiro diras:
—Zorgu ŝiajn kreskaĵojn.

—Ni pri tio atentas jam, via Moŝto — respondas la soldatoj evitantaj ke la muloj manĝu la kreskaĵojn.

La kanonoj pretigitaj ekpafas, pafadas; la kontraŭuloj energie respondas, poste malantaŭeniras kaj haltas en la apuda vilaĝo.

La infanterio antaŭeniras kaj la artilerio bombardas la vilaĝon, kaj la loĝantoj forkuras terurigataj. La kontraŭuloj forkuras kaj la atakantoj persekutas ilin dum aliaj okupas la vilaĝon triumfe.

La artilerianoj, tiel baldaŭ kiel ili povas serĉas en la Placo la duan numeron. Ili volas plenumi sian promeson: protekti la knabinon kaj ŝian hejmon. Alvenintaj, ili rimarkas ke la oficiro eliras el la domo tute pala kaj tremanta. — Kio okazis? Kvankam juna kaj ĵus alveninta al la milito, li estas tre kuraĝa, ĉiam li estis trankvila ĉe la batalo, li estas bravulo; sed li eĉ ne povas stari, sidiĝas ĉe la pordo, apogas siajn brakojn sur la kruroj kaj sian kapon sur la manoj, profunde ĉagrenata. Ŝajnas ke li nenion aŭdas, ke li nenion vidas.

La soldatoj rigardas lin kaj ne kuraĝas ion demandi al li. Unu el ili eniras en la domo. Poste li eliras tiel pala kiel la oficiro kaj diras: —Ni bone plenumis nian promeson!

Ĉiuj eniras kaj vidas krevitan kuglegon kaj apud ĝi la knabinon, mortigita de ili mem. Senmovaj unue, poste iuj ŝin palpas. Ho, malfeliĉo! La malvarmo de la kadavro skuis iliajn nervojn kaj ameme ili lasas ŝin sur la planko.

Ili silentadas, sed fine ili ekparolas mallaŭte kvazaŭ ili ne volus maltrankviligi ŝian eternan ripozon. Unu el ili atentigas la oficiron kaj diras:

—Via Moŝto, ni decidis fari ion je ŝia honoro.

—Kion?

—La monon, kiun ŝi ne volis akcepti ni elspezos por ŝia enterigo.

—Vi estas pravaj. Jen mia monero; nun ŝi ne rifuzos ĝin. Li donas sian ormoneron kaj foriras por ke la soldatoj ne rimarku liajn larmojn.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La morgaŭan tagon, je la sunkuŝiĝo, la artilerianoj iras en la tombejon. Kvar el ili surportas blankan ĉerkon kun krono el floroj, poste la oficiro kaj ĉirkaŭe ceteraj artilerianoj; ĉiuj marŝas silentaj kaj malgajaj.

Alveninte al la tombejo, ili metis la ĉerkon en la tombo kaj la oficiro alparolas:

—Mi ne povis trovi pastron, mi nescias funebrajn preĝojn; ĉiu el ni preĝu kiel patrinoj lernigis nin kaj mi petegas ke Dio akceptu tiun viktimon, senkulpa, kaj pardonu Li ŝiajn mortigintojn.

Ciuj falas teren genue kaj preĝas fervore. Poste stariĝas kaj iom post iom la tero kovras la ĉerkon ĝis esti plena la tombo. Sur ĉi tiu la artilerianoj metis platŝtonon sur kiu oni gravuris la jenan epitafon:

*MARIO*
*Dekdujara knabino.*
*Anĝela kreitaĵo,*
*mortigila de tiuj, kiujn ŝi savis,*
*plorita de ŝiaj mortigintoj.*

Kiu ajn legos tiun ĉi epitafon malbenu la militon kaj prediku la pacon!

*Concepción Arenal*

(Tradukis *F. R.*).

---

# Nemorala Rakonto

(Monologa teatraĵo de *Jacinto Benavente*)

Ho, kia komplikaĵo! Estas tagoj ĉe kiuj iu sin sentas kapabla elfari la plej grandajn maltimaĵojn!

Ĉar mi estas unu el tiaj homoj mi diras: ke ekzistas du vortoj kiuj min kolerigas, ekbruligas mian sangon, kaj devigas min fari kian ajn malkorektaĵon: la vorto *malfacila* kaj la vorto *neebla*. Sufiĉus, ke iu ajn dirus antaŭ mi: tio estas malfacila, tio estas neebla, por ke mi tuje respondus: ne estas io

mafacila, ne estas io neebla; mi faros tion, mi faros; oni kontraŭstaras, oni diskutas, oni vetas... mi estas devigata subteni la vetojn... mi ja estas tute kompromitita. Kaj tiu ĉi nuna kompromito ne estas sensignifa! Imagu al vi, ke iu diris al mi hieraŭ: Ni rimarku ĉu vi, kiu tiom da simpatio ĝuas ĉe la publiko, vi, kiu posedas sufiĉan aŭtoritaton kaj senĝenon — ni rimarku ĉu vi kuraĝas vin prezenti antaŭ la publiko kaj rakonti al ĝi rakonteton, nemoralan rakonteton; unu el tiuj rakontoj kapablaj ruĝetigi civilgvardiston. Mi ne scias kia kaŭze la civilgvardistaro devas esti pli kontraŭa al vangruĝiĝo ol iu alia armita institucio; sed estas vero ke la Civil — kaj Dogan' — gvardistaro kunĝuas tian privilegion. Sed ni ne deflankiĝu.

Ĉu nemoralan rakonton? Neeble! ekkriis kelkaj; jam mi diris antaŭe, ke la vorto *neebla* havas la virton ekbruligi mian sangon. Io neebla ne ekzistas! Kaj mi min eldevigis eldiri la rakonton. Kaj kia rakonto! Oni elektis ĝin per balotado en kafejo servita de kelnerinoj; la kelnerinoj partoprenis la balotadon kaj iliaj voĉdonoj decidis la rezultaton.

Brava rakonto! La malfeliĉaj knabinoj nur konis ĝin laŭ la titolo, kaj la titolo trompis ilin. Ne estas la unua titolo kiu ilin trompis. Estas tiel naiva la titolo... ŝajnas infana rakonto... sed ja... bona estas la rakonteto!

Poste vi diros al mi... nur ĝia rememoro kolorigas miajn vangojn... Sed io neebla ne ekzistas. Malfacila, jes; spite mia opinio, mi devas konfesi, ke io malfacila ekzistas, kaj tiu ĉi estas unu el la malfacilaj okazoj. Vi certe pensos — mi ja scias — ke mi ne kuraĝas eldiri la rakonteton; pro tio vi estas tiel trankvile sidintaj kaj deciditaj ne forlasi la teatron antaŭ ol krivoĉi al mi iun malagrablan epiteton. Sed vi min ne konas. Vi ne scias kiamaniere la vorto *neebla* skuas miajn nervojn; la tuta oranĝfloro de la mondo ne sufiĉus kvietigi ilin, same kiel la tuta oranĝfloro de la mondo ne sufiĉus igi naiva mian rakonton.

Mi rimarkas, ke vi ekseriooziĝas; vi ektimas, ke mi estas kapabla agi iel ajn. Trankviliĝu; mi eldiros la rakonton, ne dubu pri tio; sed mia veto, krom tiu eldevo, konsistas ankaŭ en tio, ke vi aŭskultu kaj atentu ĝin; ĉar nedubeble estas tio, ke rakonti ĝin antaŭ malmultenombra ĉeestantaro entenas nenian malfacilaĵon, kaj mi jam ripetis, ke la vorto malfacila kolerigas min tiom kiom la vorto neebla.

Por ke vi min aŭskultu, mi devas eldiri la rakonton iamaniere... Tio ja estas malfacila, sed ne estas neebla. Mi vidas, ke vi nun restas trankvilaj; vi sendube pensas, ke fine la rakonto entenos nenian strangaĵon... Ha! La rakonto estas terura; ĝi kapablas ruĝigi — mi malamas eluzitajn frazojn — lokumanton de varietea salono... Kiel, ĝin rakotante, mi povos eviti, ke la sinjorinoj subite leviĝos el siaj sidlokoj, ke la viroj ilin akompanos kaj ke mi restos sola, sola antaŭ tiuj ĉi lokumantoj kiuj sendube ne estos tiel neruĝiĝeblaj kiel tiuj de la nomita varietea salono kutimiĝintaj al ĉluspecaj spektakloj?

Nu bone; mi eldiros la rakonton, kaj mi rakontos ĝin tiamaniere, ke nur el vi naskiĝos ĝia nemoraleco. Se vi gardas decan sintenadon, se vi scias protesti en la ĝusta momento, la nemoraleco malaperos kiel per sorĉo, kaj iu ajn romano de la Biblioteko «Rozo» estos Bocaccio'a rakonto komparita kun mia rakonteto. Mi komencas:

Foje estis edziĝo konsistanta el kiel la plej granda parto de la edziĝoj, el virino kaj viro kaj unu... (jam vi malice pripensas, jam mi avertis vin, ke ĉio el vi venos). El viro kaj virino kaj unu... infano de malmultaj monatoj. Same kiel en ĉiuj edziĝoj, la edzino neniom amas la edzon... Ĉu vi trovas tro kuraĝa tiun ĉi jeson? Bone, mi subtenas ĝin kaj mi persistas. Estas neniu edziĝo en kiu la edzino amas la edzon. Ĉu vi skandaliĝas? Ĉu vi bezonas pruvon? En tiu ĉi momento mi estas certa ke aro da edziniĝintaj virinoj aŭskultas min... Se estus unu, nur unu, kiu amus sian edzon, mi petus, ke ŝi stariĝu kaj tre laŭte ekkriu: Mi

amas mian edzon! (Paŭzo). Ĉu vi rimarkis? Eĉ unu! Mi jam diris antaŭe, ke via konduto en tiu ĉi okazo naskas la nemoralecon de mia rakonto. Ĉu povas esti io pli nemorala ol tio, ke en granda amaso da edziniĝintaj virinoj oni ne trovas eĉ unun, kiu amas sian edzon? Mi gajnis la veton. Nun, estas mi, kiu, tute skandalita, foriras!

Tradukis
*José Velasco*

Bilbao.

# La hispana cigano

VII

(Lasta)

La aŭtoro de «Imperiaj Mizeroj» difinas la ciganon tiel: «Rabisto kaj malbonulo, ruzulo, trompanto, perfidulo, fuŝulo, divenisto, mensoganto, kaj trompanta brokantisto pri ĉevaloj azenoj kaj muloj, jen la hispana cigano.

Sed, kiel ne esti tiel? Kiam la malbono produktis la bonon? Kiam tiraneco, persekutado kaj mizero kaŭzis virton? Kiam malamo naskis amon? Ĉu malhelecoj povas lumigi? Ĉu la ulmo povas doni pirojn?

La cigano, pro konstanta persekutado kaj malamo suferita de li, ne povis havi alian moralecon plibonan.

Naskito de la doloro kaj malfeliĉo kaj vivanta enkarniĝo de la mizero, kondukis lin al Eŭropo la tiraneco de la povo.



KASTELO DE «TUREGANO» (SEGOVIA)

Kiam la cigano aperas je 1417 ĉe la bordoj de la Norda Maro, Hungarujo kaj Moldavia, ĝi vojaĝas hazarde ĉien, konante nenion pri la reganta kaj sociala stato de la landoj kiujn ĝi piedpremas. Ĝi starigas sian tendaron mezen la arbaro aŭ ĉe riverbordo aŭ en la internaĵoj de montaro; ĉar tie ĝi trovas herbejojn en kiuj paŝti la ĉevalojn kaj azenojn, kaj rimedojn por starigi forĝejon, por fabriki malkarajn ferajojn; tie

ĝi trovas rimedojn por fabriki ĉiuspecajn korbojn, lignoŝuojn kaj trogojn; tie, fine, ĝi elĉerpas oron el la sabloj de la torento.

Tiamaniere ĝi vivas dum okdek jaroj, meritinte ĉiam la protekton de la monarĥoj, kies landojn ĝi vizitis hazarde de tempo al tempo aŭ en kiuj ĝi decidis loĝadi.

La Katolikaj Reĝoj estas amikoj de la ciganoj; preskaŭ ĉiujn kuglojn, kiujn la militistaro sieĝanta ĵetis en Granadon, forĝis la ĉigano en la grotoj de apuda montaro.

La Episkopo Segismundo, en la alia ekstremo de Eŭropo, same honoras la ciganon kaj mendas al ĝi forĝi la kuglojn kiujn li uzis kontraŭ la turkoj celantaj invadi Hungarujon.

Sed subite oni atribuas al ĝi krimojn, kiuj estis eblaj aŭ neeblaj por ĝi; la cigano nenion scias pri tiuj kulpigoj, nur ĝi scias, ke la vilaĝanoj kaj urbanoj akceptas ĝin kruele, baston-kaj ŝtonfrapante ĝin meze de teruriga ekkriado el kiu ĝi aŭdas: «for la diablo», «for la herezulo», «mortigu la nekredulon», «la hommanĝanton», «bruligu la venenanton, perfidmortiganton kaj rabiston».



KASTELO DE «COCA» (SEGOVIA)

Samtempe oni vundis ĝian patrinon, ĝian patron aŭ ĝiajn gefilojn aŭ parencojn, kaj tiam la cigano, kiel ne?, sentas en la animo la doloron de la kalumnio, de la ofendo, kaj la koron soifantan je venĝo.

Post ĉi tui nerajtigita persekutado estas alia leĝigita: per ĉi tiu, oni malpermesas al ili forĝi la feron; fabriki hufoferaĵojn, kaldronojn, patojn; vendi, aĉeti kaj ŝanĝi cevalojn kaj azenojn, speciala komerco al kiu la cigano sin dediĉis plezure; loĝadi ĉe minejoj kaj bordoj de riveroj kaj torentoj.

Tiel, la leĝo devigas la ciganon: ĉu esti rabisto, malbonulo, ruzulo, trompanto, perfidulo, fuŝulo, brokantisto, k. c.; ĉu morti pro malsato. Efektive, malpermesante al ĝi praktiki ĝiajn kutimajn metiojn kaj eĉ kiun

ajn alian, kion ĝi povis fari, malamata, persekutata, kaj ĉiam denuncata de la speciala marko de la raso?

Je 1499, tiuj Katolikaj Reĝoj, kiujn la cigano helpis kontraŭ la maŭroj de Granada, per sia fama leĝo devigis ĝin fariĝi servistoj de mastroj kiuj certe, anstataŭ la necesaj vivrimedoj, estus donontaj al ĝi la eternan ripozon, aŭ foriri el Hispanujo, komdanante la malobeintojn suferi cent bastonfrapojn.

Nature, la cigano preferas la ostracismon kaj preteriras la Pireneojn; sed en Francujo, kiel en Germanujo, kiel en la Papaj Ŝtatoj, kiel en la Venecia Respubliko, kiel... en la tuta Eŭropo oni diras al ĝi: «for de ĉi tie».

Tamen kaj nepre la cigano estis devigata malobei. Kien iri? El ĉie elpelas ĝin, sed oni precizigas al ĝi neniun lokon, landon, regionon, kien iri; nek ankaŭ oni faciligas al ĝi marveturi.

Tiam oni persekutas la ciganon kiel se ĝi estus danĝera besto; oni kruele kaj terure kripligas ĝin; multfoje bruligas kaj martirigas ĝin.

La cigano suferas ĉi tiujn terurajojn dum tri senintermankaj jarcentoj, ĝis kiam je 1782 kaj 1783, Jozefo II^a^ de Germanujo kaj Karolo III^a^ de Hispanujo, leĝdonas akcepti ĝin en siaj regnoj kaj konsideri ĝin, kiel ceterajn regatojn.

Sed, de tiu dato en la nunan tempon, ĉu oni celis plibonigi ĝian moralan staton? ĉu iam indigis ĝin? ĉu oni entreprenis modifi ĝiajn sentojn? ĉu oni akceptis ĝin ĉie? ĉu oni edukis ĝin por la bono? ĉu oni iam lumigis ĝian cerbon instruante ĝin?

Se tio ne okazis, se tion oni ne faris, ĉu estas strange, ke la cigano daŭrigu sian malamon kontraŭ la *busnó* (1)? ĉu estas strange ke li estu rabisto, malbonulo, fripono, ruzulo k. c.?

Ĉu oni volas eviti tion?

Ne celi tion per terura perforteco, nek per humiliĝo, nek per malestimo, ne; celu tion per bonkoreco, bonfaremo, instruado kaj edukado, kiel faris en Granada la laŭdinda pastro *Manjon*, ĉar nur tiel oni povas plibonigi socialajn statojn de malfeliĉuloj.

(1) Tiel la ciganoj nomas la personojn, kiuj ne apartenas al ĝia gento.

# PRI LA FLORAJ LUDOJ KAJ ĜIA DEVENO ĈE LA ROMANOJ

II

La romanoj imitis entuziasme artojn kaj kutimojn de la grekoj, kvankam ne altenigis ilin, ĉar kiam ekimitis grekajn artojn kaj kutimojn ĉi tiuj ekperdis siajn inspiron kaj originalecon; la romanoj, por dolĉigi sian tiranecon, permesis al la grekoj iliajn admirindajn artojn kaj kutimojn el kiuj tiom povis ellerni. Tial la imperiestroj subtenis la Muzeon de *Atenas* same kiel antaŭ la almilito ĝi vivadis, kaj ĉe *Alejandria* eĉ *Claudio* fondis alian al kiu donis sian nomon kaj en kiu li ordonis legi sian verkon pri la antikvaĵoj de *Etruria* kaj *Cartago*. En ĉi tiu Muzeo, *Adriano* diskutis kun ĝiaj sciuloj kaj malavareĝin monhelpis. Ĝi produktis multenombrajn sciulojn ĝis sia malfeliĉa detruado, kaŭzita, dum regado de la imperiestro *Aureliano*, pro ribelado de la loĝantoj. Ankaŭ la romanoj starigis Muzeon sur la loko kie hodiaŭ staras la preĝejo *Ara-Coeli*, kaj estis *Adriano*, kiu ordonis konstrui ĝin je 135; kaj en *Leon*, pro ordono de la kruelega *Caligula*: al la unua konstante alestis *Alejandro Severo*, kaj inter la disciploj estis *Gordiano Pio*, kiu en ĉi tiu lernis deklami. En Romo ne estis tiel granda entuziasmo por akademioj kaj liceoj kiel en Grekujo, sed la imperiestroj respektis tiujn de la grekoj; tamen, la *Odeum* estis multenombre starigitaj de la romanoj ĉe la imperio, kaj nur en Romo estis kvar. La ĉefa sur la monteto *Aventino*, pri kiu *Ciceron* rakontas al *Atico*; alia ĉe la *Palatino*, pri kiu parolas *Séneca*; la teatro de *Pompeyo*, kiun citas *Ammiano Marcellino*; la kvaran oni starigis dum regado de *Domiciano*, laŭ atestas *Suetonio*.

Ankaŭ la romanoj ŝategis beletristikon kaj estis tre entuziasmaj je la poezio, kiel la grekoj liaj majstroj, kaj tiel, dum publikaj ludoj la romanoj entuziasme aplaŭdis belan kaj dolĉan kanton de l'poeto; sed dum festoj je la honoro de *Minerva* estis kiam la poetoj kantis pli solenc poezion. Je la 1.ª de Junio kaj 19.ª de Marto oni okazigis tiujn festojn dum kvin tagoj senintermankaj. Oni pasigis unuajn tagojn preĝante kaj religie promesante al la diino de la scienco; sekvantajn, oferante kaj batalante gladiatoroj. Dum tiuj festoj oni ludis tragediojn, kaj de post la tempo de *Domíciano*, sciuloj konkuris legi publike siajn verkojn. Dum tiuj festoj je la honoro de la diino de l'sciencoj kaj belartoj, oni fermis lernejojn, liceojn kaj akademiojn, kaj majstroj ricevis, kiel donacaĵon de la disciploj, specialan salajron nomata *minerva*. La kvinan tagon, poetoj



KORTO DE LA DOMO DE LA MARKIZO DE L' «ARCO» (SEGOVIA)

improvizis pri temoj donitaj de la oferanta reĝo, aŭ de la persono ĉeestanta pli ordenita, kaj la premio estis krono el freŝaj floroj je Junio kaj krono el hundherbo je Marto, kaj tial oni nomis ĉi tiujn kvin tagojn floraj.

Oni povas prezenti multajn ludojn romanajn, kiujn la poezio superregis: *Lupercal'ojn*, *Saturnal'ojn*, *Bacanal'ojn* kaj aliajn. Sed ni citos nur tiujn, kiuj havas rilatojn kun floraj ludoj de *Toulouse*; dum la mezepoko, de kiuj festoj devenas la komitato de la *aragona scienco gaja*, la romanajn ludojn florajn kaj tiujn de *Ainais de Leon*, de kiuj nedube devenas tiuj floraj ludoj de la Mezepoko, kiel iuj opinias.

★★

# La turo de la diablo en la kastelo de Monfort

LEGENDO

Arturo de Monfort estis posteulo de nobela kaj antikva familio, dekokjara jam ad-

ministris siajn grandajn bienojn, ĉar lia patro mortis dum milita ekspedicio al la Sanktaj Lokoj kaj lia patrino ankaŭ mortis. Arturo, tute sendependa, diboĉis, kaj amikoj liaj plej estimataj estis senhontuloj kaj senhonoruloj kaj kvankam li estis nobla kaj sindonema, li agis laŭ konsilo de friponoj kiuj kun li kunvivadis. Vane Dario, maljuna servistestro de la familio, komprenigis al li baldaŭan kaj tutplenan ruinon, sed la nobelo elpelis lin kaj nomis estro malbonkoran kaj flateman serviston.

La kastelon, la parkon, la arbarojn, tiel foliplenaj ke la sunradioj apenaŭ vundis trairanton, ĉiom li ĵus perdis kaj alia kartludisto estos la posedanto. Jam li ne povos meti ĉiutage freŝajn florojn sur la tombo de sia patrino. La tombo de lia patrino! Ho! ne, antaŭ morti; sed ankoraŭ li sentis dezirojn vivi kaj eĉ esti feliĉa.

Terure priokupita, senespera, viktimo de la plej strangaj ideoj, eĉ li alvokis la diablon. Li estus vendonta sian animon al la diablo, se ĉi tiu estus plenonta el oro kofreton, kiu kuŝis sur tablo. Ĵus pensinte tion, li aŭdis raŭkan voĉon per kiu Satano mem alparolas lin: «Junulo, vi estas pli malfeliĉa, ol vi supozas. Kio okazos al vi? Kiu manpremos kaj konsolos vin kiam vi forlasos ĉi tiun kastelon? Tiuj kiuj ĝis nun flatis vin jam ne atentos pri vi; por vi estos ĉiuj pordoj fermataj; vi ne povos daŭrigi la rangon de viaj praulo; pro via bankroto; fine, vi devos obei tiujn kiuj obeis vin. Sola rimedo restas al vi por eviti ĉi tion. Vi bezonas oron, multe da oro; nu, vi ĝin havos. Morgaŭ je la tagiĝo, vi pendigos la kofreton ĉe la turo plej alta de la kastelo kaj vi ĉiam trovos ĝin plena el tiu metalo. Via animo apartenos al mi de la momento en kiu mi plenigos la kofreton». — Mi estas konforma — respondis Arturo.

Kontenta li estis, pensante solvi la konflikton, kiam ŝajnis al li ke la portreto de lia patrino enkarniĝis, riproĉis kaj kondamnis lian konduton. Senmova kaj terurigata, li rememoris la korajn konsilojn de sia patrino; kiu en tiu salono mem instruis lin beni Dion. Malsaĝulo! Li perdis por ĉiam tiun kiun li tre amis! Arturo falis genue, petante protekton al sia patrino.

Kvazaŭ fulmo naskiĝis ideo en lia cerbo. —Satano devas plenigi la kofreton por ke mia animo estu lia; se mi evitus ke li tion atingu, mi nuligus lian rajton—. Por efektivigi sian ideon, li senfundigis la kofreton, kaj pendis ĝin ĉe la plej alta turo. Apenaŭ li faris tion, ekfalis pluvo de ormoneroj; la moneroj faladis bruege ĉe la piedo de la turo. Satano penadis plenigi la grandegan spacon, kiu malpermesis plenumi lian promeson. Arturo rimarkis la ideon de la diablo, alvokis siajn servistojn kaj regatojn por ke ili helpu lin por ebenigi la ormonton atingontan la kofreton. Arturo kuraĝigis siajn servistojn, kiuj, malgraŭ suferitaj vundoj kaj abunda pluvo, ne forlasis sian entreprenon.

Je la meztago ankoraŭ orpluvadis, sed kiam la sonorilo sonoris por la preĝo, oni aŭdis kvazaŭ terura kanonpafo, kiu terurigis la servistojn kaj la kamparanojn. Subite, tiu alta kaj masiva turo renversiĝis bruege. Satano estis venkita kaj tial li detruis la turon.

Arturo, pentita volis rekonstrui la renversitan turon, sed neniam li povis tion atingi, nek liaj posteuloj, ĉar pro kaŭzoj nekonitaj ĉiam la turo renversiĝis antaŭ ol fini la rekonstruon. Hodiaŭ ankoraŭ oni montras al turistoj tiujn ruinaĵojn, dirante: *Ĉi tie staris la turo de la Diablo.*

## LA STELO DE LA ESPERO

(SONETO)

Ho, societ'!, en vi, de via fondo,
estas ĉie brueg', krio kaj bato
sed estas nek indulgo, nek kompato,
eterna batalkamp' estas la Mondo,
la paf' estas al pafo la respondo,
oni ricevas morton de la frato,
ruĝigita de sang' estas la strato
kaj la kamparo kaj la mara ondo.
Tamen, jam estas klara verda lumo
kiu la nigran mallumecon ŝiras
kaj feliĉon promesas al la Tero;
jam malpliiĝas batalbru' kaj fumo,
Homar' atten rigardas kaj sopiras
ĉar aperas la Stelo de l'Espero.

*R. de S. M.*



DOMO «DE LOS PICOS» (SEGOVIA)

# Esperanta movado

Niaj zamenhofanoj, S-roj Ricardo Codorniu el *Murcia*, Narciso Bofill el *Palma de Mallorca*, F. Serrano Olmo el *Córdoba*, Sidonio Pintado el *Baltanás* (Valladolid), Manuel Monteagudo el *Coruña*, Fernando Redondo kaj Julio Mangada el *Madrid*, verkis artikolojn honorantajn nian karan kaj neforgeseblan Majstron, kiujn publikigis la plej gravaj ĵurnaloj el tiuj urboj.

—

*Madrido.*—Je la unua de Aprilo oni malfermos somerajn kursojn ĉe la Grupejo de Centra Esperantista Grupo kaj ĉe la Societo «Fomento de las Artes».

En la kvartalo «Prosperidad» nia nelacigebla kunzamenhofano S-ro Johano Calahorra entuziasme daŭrigas sian propagandon kun sukceso.

Bonvolu sendi al ni ĉiumonate, antaŭ la dudekkvara esperantajn novaĵojn.

—

*Barcelona.*—La 17an de Junio la Grupo «Paco kaj Amo» sukcesigis ekskurson al monto *San Miguel del Fay*.

La Grupo «Barcelona Stelo», je la sama tago, vizitis *Mentora Alsina'n* establo por lerni Fizikon, kie oni klarigis al *Barcelonstelanoj* diversajn aparatojn, aplikojn kaj funkciadojn de tiuj aparatoj.

—

*Baltanás* (Palencia).—La ĉi tiea grupo prosperas rapide. S-ro Sidonio Pintado, fondinto de la Grupo, instruisto kaj redaktoro, deziras interŝanĝi p. m. kaj opiniojn pri Pedagogia Historio kaj nuntempaj instruadoj kun geinstruistoj fremdaj.

—

*Logroño.*—Artileria Komandanto, S-ro Jozefo Perogordo, antikva kaj entuziasma esperantisto, fondinto de Centra Madrida Grupo, membro de ĉi tiu Grupo kaj Zamenhofano, sukcese fermis sian unuan kurson fondinte novan Grupon, «Logroña Grupo Esperantista».

La komitato de ĉi tiu Grupo estas: Sinjoro José Mena (Registristo), Prezidanto; S-ro Manuel María Farias, (Pastro kaj Profesoro de l'Instituto), Vicprezidanto; S-ro Luis Barbero (Inspektoro de ŝtatmarkoj), Sekretario, kaj S-ro José Perogordo, Kasisto.

—

*Santander.*—Kvankam junaj, du kleraj kaj entuziasmaj esperantistoj de ĉi tiu urbo, ambaŭ zamenhofanoj, S-roj José Efren Pedraz kaj A. Tomás Iglesias, ĵus fondis novan grupon «Juneco» (Rua Menor, 32). La fervoreco de ambaŭ fondintoj sukcesigos ĉi tiun novan Grupon.

—

LIBROJ RICEVITAJ

«Stranga Idilio» de Arlo Bates, esperantigita tre bone de Herbert Harris, estas tre interesa kvardekkvarpaĝa broŝuro, kies prezo estas Sm. 0.375. Londono: Brita Esperantista Asocio - 17, Hart Street, W. C.

«La Kristana Societo de Amikoj» (Kvakeroj), dekdupaĝa broŝuro klariganta religiajn principojn de la kvakeroj. Esperantigita kaj eldonita de Heno y Van Etten. Prezo, 1 respondkupono. Havebla ĉe Brita Esperantista Asocio.

—

**Nur kiam ni ricevos duoblan specimenon, ni recenzos librojn.**

—

GAZETOJ RICEVITAJ

«Latinamerika Esperantisto» (Cuba) de la monato Marto. Tre interesa kaj bela revuo, monata, hispan-esperante verkita. Empedrado, 79 (Apartado 1324). Habana.

«Skandinava Esperantisto», eldonata de Skandinavaj Esperantistoj loĝantaj en *Usono.* 417, Ith Str., Rockford.

«Argentina Esperantisto» Aprilo - Majo. Monata organo de Argentina Esperanto-Asocio. San Juan, 782. Buenos Aires - Argentina.

«Esperanto», Majo, oficiala organo de U. E. A. 10, rue de la Bourse. Genéve (Suiza).

«The-British-Esperantist», Junio, oficiala organo de The British Esperanto Association, kaj «Esperanto Monthly» (Junio - Julio). 17, Hart Street. London, W. C. I.

«France-Esperanto» (Marto - Aprilo), rue de Clichy, 51. París, 9.e

«Kataluna Esperantisto» (Januaro - Aprilo). Diputación, 280. Barcelona.

—

**Sendu al ni esperantajn sciigojn**

—

Ĉiu, kiu abonos ĉi tiun revuon, ricevos senpage «Pri Cervantes kaj lia famkonata verko El Quijote» kaj «Tri rakontoj kaj kelkaj versaĵoj».

Ĉiu, kiu aliĝos al Zamenhofa Federacio, ricevos senpage la unuan verkon, tial la aliĝo kostas neniom ĉar la prezo de tiu verko estas *unu peseto*.

S-ro Fernando Redondo, nia redaktoro, pretigas manuskripton por ekeldoni *Enciklopedia Vortaro Esperanta'n*, grava kaj tre interesa verko. Rajtos ricevi senpage ok paĝojn ĉiumonate ĉiuj, kiuj abonis kaj abonos *Hispana Esperantisto'n* de ĝia unua numero.

# Zamenhofa Federacio

**Listo de membroj kaj abonantoj de Hispana Esperantisto**

117.—José Rigol. San Valentín, 51. *Tarrasa* (Barcelona).
118.—Ramón de Salas. Costa, 12. *Zaragoza*.
119.—Victor O. de Allende. Iugeniero en la Diputación Provincial. *Bilbao*.
120.—Manuel Monteagudo. Santa Catalina, n.° 28. *Coruña*.
121.—José Planas. Párroco de *Ripollet*. (Barcelona).
122.—Juan Fombellida. *Baltanás* (Palencia).
123.—León Silva.
124.—Arsenio Mínguez.
125.—Juan Trobat Colome. Salmerón, 123. *Barcelona*.
126.—José Moya, Capitán de Infantería. *Larache*.
127.—F-ino Maria Julivert. Doctor Robert, n.° 12. *Vendrell* (Barcelona).
128.—Salvador Urpi. Angel Guimerá, 20.
129.—Ramón Bassa. Angel Guimerá, 1.
130.—Jaime Jané. Pou, 2. *Calafell* (Tarragona).
131.—Grupo Esperantista «Laboro». Plaza de la Verdura, 15. *Villanueva y Geltrú* (Barcelona).
132.—S. Ortega Barceló. Trafalgar, 6. *Barcelona*.
133.—Grupo Esperantista «Cartagena». *Cartagena* (Murcia).
134.—Diego Salguero. Fitz Roy, 477. *Bahía Blanca* (Argentina).
135.—Esperantista Grupo «Nova Sento». Luna, 156, San Martín. *Barcelona*.
136.—José Mascarell. Zaragoza, 21. *Madrid*.
137.—F-ino Esperanza Ortiz. Corset, 62. *Valencia*.
138.—Damián Rosique. Plaza Tres Reyes, 2. *Cartagena* (Murcia).
139.—Enrique Solano. Plaza Tres Reyes, 2.
140.—Francisco Avila. Serreta, 16, 2.°.
141.—Fernando Pastor. San Cristóbal, 8.
142.—Manuel Sánchez de Armas. Juristas, 5. *Valencia*.
143.—Melitón Fontanet. Asturias, 1. *Barcelona*.
144.—P. Oriach Solá. Calderón, 51. *Sabadell* (Barcelona).
145.—H. Fridrihsen. Bogorodickaja, 6. kv. 4. *Moskvo* (Rusia).
146.—Juan Baucells. Travesera, 170. *Barcelona*.
147.—Esperantista Grupo de Logroño. *Logroño*.

*(Daŭrigota)*

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid